# TEJA - I N F O R M I L O

n:ro 14

/ n:ro 1.1951/

INFORMILO DE TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO.
Prezidanto: Ĉefredaktoro C.Hilmer Johansson,"Östgöten",LINKÖPING
Sekretario: Redaktoro Einar Adamson,Värmlandsg. 18,GÖTEBORG,Svedl.


## I N T E R N A C I A   G A Z E T A R A   S E R V O

Kelkaj samideanoj miskomprenis la taskojn de IGS kaj sendis al mi ĝeneralajn novaĵojn el sia lando. Por klarigi la celon ni el la Jarlibro de UEA 1951 represas la sciigon pri IGS:

"Ĉi tiu servo de UEA estas praktika kaj serioza klopodo utili kaj al la ĝenerala publiko kaj al la Esperanto-movado. La Peranto de I.G.S. kolektas informojn rilatajn al Esperanto sed kun ĝenerala intereso kaj pere de la Centra Oficejo de UEA distribuas ilin inter la komisiitaj reprezentantoj de la landaj Asocioj, kies tasko estas traduki la tekstojn en sian nacian lingvon respektive kaj dissendi ilin al redaktoroj por ties gazetoj.

La tuta afero estas profesia klopodo kaj povas havi gravajn sekvojn. Kie ekzistas Landa Asocio reprezentantoj jam estas elektitaj; sed en landoj kie ne troviĝas tia Asocio, la I.G.S. bonvenigos la kunlaboron de profesiaj ĵurnalistoj, kiuj akceptos la taskojn difinitajn. La peranto de la I.G.S. estas: S-ro Einar Adamson /sekr. de Tutmonda Jurnalista Asocio/ Värmlandsgatan 18, Göteborg, Svedlando."

Do, ĉiu nun scias pri kio temas.

Mi estas tre dankema pro raportoj pri la uzado de la materialo.

Tre bone raportis al ni la 1-an de febr. redaktoro SIGURDUR GUDMUNDSSON, ĉefredaktoro por la gazeto:"TJODVILJINN", Reykjavik, I s l a n d o, TEJA-membro 88. Li raportas:

La ĵurnaloj en Reykjavik ricevis 13.1. 1951 la unuan bultenon en islanda lingvo el via IGS-materialo, kaj tri jam iom aperigis. La islandaj gazetoj ofte mencias esperanton kaj ilia komentario ĉiam estas tre favora. La IGS-materialo, kiu jam aperigis estas:

ESPERANTO INSTRUATA EN LA UNIVERSITATO DE AMSTERDAM
T i m i n n 16.1. 1951
T j o d v i l j i n n 19.1.51

AUSTRIA RUĜA KRUCO INTERNACIIĜAS.
T I M I N N 16.1. 1951
ALTYDUBLADID 23.1. 1951

UNIKA DONACO DE USONANO:
T i m i n n 16.1. 1951
T j o d v i l j i n n 31.1.51

LA NEDERLANDA SINDIKATA FEDERACIO UZAS ESPERANTON:
T i m i n n 16.1. 1951
A l t y d u b l a d i d 19.1.
T j o d v i l j i n n 31.1.

15.000-DOLARA DONACO AL USONA UNIVERSITATO.
Timinn. 16.1. 1951
T j o d v i l j i n n 19.1 51.

Daur. pago 2.

INTERNACIA GAZETARA SERVO.
Daurigo de paĝo 1.

Pri la islandaj ĵurnaloj:

T I M I N N ,Ĉeforgano de la Progresa Partio. ĉiutaga.

A L T Y D U B L A D I D, ĉef-organo de la Socialdemokrata Pario ,ĉiutaga.

T J O D V I L J I N N, ĉeforgano de Socialista Partio ∅ ununo de Socialista Partio de islandaj komunistoj kaj maldekstraj socialdemokratoj, ĉiutaga.

SIGURTUR GUDMUNDSSON
Redaktoro de Tjodviljinn

bonega raporto kaj bona rezulto dum mallonga tempo. La rezulto montras ke profesia jurnalisto pli bone ol aliaj povas servi esperanton per la gazetaro. Kolegan dankon al Gudmundsson kaj gratulon.

Salutan ankau al nia kolego kaj TEJA-membro en la gazeto TIMINN,Haldor Kristjanson.

Einar Adamson.

xxxxx

KUNLABORU EN TEJA-INFORMILO.

## LA 5-a KONGRESO DE T E J A
## MUNCHEN 6. AUGUSTO 1951

La kvina kongreso de TEJA okazos la 6-an de augusto 1951 en München,dum la Universala Kongreso . La kongreso komencos je la 17-a horo.

TAGORDO

1. Salutparolo de estrarano.
2. Raporto pri ĉeestantoj.Ciuj partoprenantoj skribas siajn nomojn sur listo,kaj adreson.
3. Elekto de kongresfunkciuloj.
   a. prezidanto
   b. sekretario
   c. Protokoljustigantoj.
4. Agadraporto pri la jaro 1950
5. La ekonomia raporto. Diskuto pri tiuj.
6. Deŝarĝo de la estraro.
7. Provizora raporto pri TEJA dum la unua duonjaro 1951
8. Raportoj de Ĵurnalistoj en diversaj landoj.
9. Proponoj.
10. Eventuale.
11. Fino.

Estas bone se membroj ,kiuj partoprenos la UEA-kongreson kontaktas la sekretarejon. Ankaŭ ni volonte akceptas proponojn.

---

## NIAJ KOLEGOJ LABORAS POR KAJ PER ESPERANTO.

Nia rumana-sveda kolego -redaktoro Tiberio Morariu- nune bone agitas kaj kursgvidas en Norvegujo. En la gazeto TROMSÖ la 19-dec. 1950 ni trovas artikolon pri finfesto okaze de bonsukcesa kurso en Tromsö. Inter alie parolis dekjara knabino bone en la lingvo post nur elementa kurso. En la gazeto NORDLANDSPOSTEN 20 jan.51 estas longa artikolo pri "Multvojaĝanta jurnalisto kaj esperantisto instruas la helplingvon al la popolo de Bodö.". En "NORDLANDS FRAMTID" 20.1.51 ni trovas artikolon-kun bildo de Morariu- kaj la rurbiko: Bodö skal laere Esperanto" -Bodö lernos esperanton.

Nia membro el Londono, d-ro A.MILDWURF, nun gvidas kursojn en Norvegujo. En la gazeto RYFYLKE 27.okt. 1950 li skribis longan artikolon pri esperanto ,"Nåtidens krav"- La postulo de la nuna tempo. En la n-ro de 2.11 de la sama gazeto- estas longa intervjuo kun Mildwurf.

Nia vic-sekr. Niilo KAVENIUS,Turku,Finnlando havis en sia gazeto Uusi Päivä Tutpaĝon pri Ĉinio ,tradukitaj el la gazeto EL POPOLA ĈINIO. Inter alie la 10.1 kaj 18.1. 1951. Diversaj leteroj el Ĉeĥoslovakio 30.12.1950. Duonpaĝo pri infana korespondado 14.1.51

## La GAZETOJ EN G R E N L A N D O

-Pipaluk Högar, filino de la fama Grenlanda esploristo Peter Freuchen kaj mem grenlandanino, rakontis en Sveda Tipograf-gazeto pri la malgranda presejo en Godthaab, Grenlando, kie i.a. la grenlanda novajgazeto Grenland-Pošto aperas. Ĉi-sube ni rerakontas kelkajn liniojn el la artikolo, tradukita el sveda lingvo de G.H-t.

Antaŭ proksimume ok jaroj dana ornitologo kaj esploristo ricevis la ideon fariĝi gazet-eldonisto sur Grenlando. Christian Vibe estis lia nomo. kaj nun oni povas diri ke li rondvojaĝis la tutan Grenlandon. Li fariĝis bona amiko kaj kun la eskimoj kaj kun la dana loĝantaro. Kun fotoaparato. kiel la plej grava ilo Vibe faris esplorvojaĝojn. Li aŭdis pri akcidentoj dum ĉasado k. fiŝkaptado, pri rekordkaptaĵoj, pri malsanoj kaj multaj aliaĵoj.

Li komencis cerbumi pri la ebleco disdoni parton de tiuj novaĵoj al la sufiĉe ofte izolita loĝantaro sur la insulo. Ĉu oni ne povus fondi gazeton, kiu povus rakonti pri tio, kio okazas sur Grenlando, pri la komunikoj de la danaj aŭtoritatoj kaj pri tio, kio okazas en la cetera mondo.

Vibe ne nur estis viro de la ideoj. Li ankaŭ estis la viro por efektivigi siajn ideojn. Kaj la gazeto "GRENLAND-POSTO " aperis, la gazeto kiu havas du blank-ursojn en sia vinjeto.

Hodiaŭ Grenland-Pošto estas malnova, kara konatulo por multaj centoj da grenlandanoj. Ĝi aperas en du eldonoj: unu danlingva kaj unu grenlandlingva. La redaktoro estas dano Kj. R.Thorkildsen. Krome li estas gvidanto de la grenlanda radio-stacio.

Nuntempe la danaj aŭtoritatoj respondecas por la ekonomio. La gazeto ne povas esti profita pro sia malgranda legantaro kaj dis st'gita distrubaparato sur Grenlando.

La redakcio de Grenlandpošto konsistas el unu viro, la ĉefredaktoro mem. En la presejo estas tri viroj, el kiuj du eskimoj. Ili laboras kun malnovaj nepraktikaj manpresmaŝinoj kaj tre malbona sortimento de literoj. Kaj tamen ĝi estas la oficiala presejo de Grenlando, samkiel la gazeto estas la organo de aŭtoritatoj.

Se oni trafoliumas kelkajn numerojn de Grenland-Pošto oni trovas ke ĝi provas esti kiel eble varia. La kovrilpaĝo ĉiam havas foton el iu regiono de Grenlando. Poste sekvas artikolo kiu ĉiam havas ion por lernigi al la legantaro. Ĝi povas esti pri la vendeblo por fok-kaj blankursaj feloj; ĝi povas temi pri novaj iloj por la fiŝkaptado, ĝi povas esti priskribo de la konservindustrio sur la suda parto de Grenlando, k.t.p.

Poste sekvas oficialaj komunikoj de la Grenlanda komisiono, notoj el Danlando kaj aliaj landoj; paĝo de grenlandaj novaĵoj en resumo; ne malofte iu recenzo pri grenlanda libro aŭ citaĵoj el aliaj gazetoj. Grenland-Pošto ne estas la sola gazeto sur la insulo. Ekzistas ankaŭ gazeto en la plej norda Grenlando, do sendube la plej norda gazeto de la mondo. Ĝi nomiĝas AVANGNAMIOK. Ĝi aperas unu fojon en la monato kaj estas pli libera kaj ni povas diri malpli mošta ol la pli granda sudgrenlanda ATUAGAGDLIUTIT - Grenland-Pošto eskimlingvo-kiu havas sian legantaron precipe inter la orient-grenlandaj eskimoj.

/ Informilo de I.G.E.L./

## LA LEGOSCIO INTER LA ESKIMOJ

Kiam vi legis la artiko-
lon pri la gazetoj en Grenlando
vi certe demandas pri la lego-
scio inter la eskimoj. Ni do
volas kompletigi:
Nuntempe la eskimoj ĝene-
rale vizitas la lernejon,en
klasoj de ĉiu dua tago,sed la
pli maljunaj eskimoj estas en
granda amplekso analfabetoj
kaj tial la legantarnombro de
la grenlandaj gazetoj estas
tre limigita. La Grenland-Poŝ-
to,kiu aperas en Godthaab,es-
tas subvenciita de la dana ŝta-
to,povas elspezi por kliŝoj,
desegnaĵoj k.t.p. Sed la nord-
grenlandaj folioj ne havas
tiajn eblojn. Ili estas tipaj
"unuviraj entreprenaoj",kie
la eldonisto samtempe estas
presisto,redaktoro kaj distri-
buisto.
Sed la danaj direktantoj
tamen trovis,ke povas esti su-
fiĉe utile kunlabori en tiuj
miniaturaj gazetoj.Kion ili
eventuale volas diri al la
malgranda loĝantaro tiamani-
ere sufiĉe rapide estas konig-
ata ankaŭ al la plej izolitaj
grenlandanoj.
La legosciaj eskimoj stu-
das ĉiun linion en "sia" gazeto.
Kaj poste ili plue konigas nov-
aĵojn kaj diskutemojn al la ne
legosciaj. Kaj dum ĉasoj kaj
fiŝekskursoj la novaĵoj estas
diskonigataj al la plej foraj
loĝlokoj.
Ŝtataj oficistoj oni po-
vas nomi la presiston kaj la
redaktoron de sud-Grenlanda
libropresejo.Ili ricevas sian
monon pere de la danaj aŭtori-
tatoj kaj ili ankaŭ siatempe
ricevos pension,se ili tiom
longe restas en la profesio.
De tempo al tempo venas ek-
sterlandaj gazetoj k.revuoj
al Grenlando k.tiam la tri
tipografoj kun intereso dis-
kutas literojn,preson,koloron,
formaton kaj multon alian.

La gazeto Grenland-Poŝto jam
akceptas anoncojn kaj tipe estas
ke oni ĝis nun ĉefe havis rek-
lamon por vendo de radioaparatoj.
Tio estas por la eskimo-loĝanta-
ro la unua fonto de klerigo.Kaj
oni aŭskultas kun intereso.

+++++++++

De tempo al tempo ankaŭ lib-
roj estas presataj en Grenlando,
sed laŭnombre ili ne estas mul-
taj kaj la eldonkvanto ne granda.
Tial oni ne povas dediĉi tro
grandan elspezon por la produkt-
aĵoj. Sed fakto estas,ke la eski-
moj estas interesataj de tio,kion
"la blankulo" pensas,opinias
kaj faras.

.=.=.=.=.==..=.=.=.=.

## LETERO EL JURNALISTO EN J U G O S L A V I O

"Pri TEJA mi eksciis
nur de mia profesia kolego,
samideano KRALJ post lia re-
turno al Jugoslavion. Post iom
da tagoj alvenis via letero el
Göteborg-kun membrokarto de
TEJA kaj post 3 tagoj mi rice-
vis ankaŭ la adresaron de
ĵurnalistoj-esperantistoj,membroj
de TEJA. Ambaŭ mi ricevis kun
granda intereso .
Mi havas ĉiujn kondiĉojn ne-
cesajn por A-anigon -kaj volas
kompreneble aktive kunlabori.
Tiukoncerne mi certe anfaniĝos
kaj nur bedaŭras ke la okazo
konenci la kontakton kun TEJA
ne venis al mi jam pli frue.

PIVKO VLADIMIR
Jurnalisto
Komenskega ul. 7 LJUBLJANA
FNR Jugoslavio

===== ===== =====

## NIA INDONEZIA KOLEGO KIUGI KUZONTRI

sciigas al ni ke li nun estas
en Ĉinio,Adreso: No 44 Dung-Sy
Pailou Toutiao ,PEKING.
Li do ne plu estas en Sima
Li kore salutas al la kolegoj.

REDAKTORO A N D R E O R E M O N D , P A R I Z O
- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -
s k r i b a s p r i

# B O N A O R G A N I Z O D E G A Z E T A R A S E R V O D U M E S P E R A N T O K O N G R E S O J.

Por bona organizo de gazetara servo dum Esp.kongresoj necesas:

1/ Almenaŭ du apartaj ĉambroj. Unu por la redaktoro servo,unu por la informa. Redaktantoj de la bultenoj devas certigi relative pezan-kaj rapide faritan -laboron. Estas necese ke ili estu trankvilaj.kaj ne sentese ĝenataj de informpetantoj. Tiu ĉambro -por redaktado de la bultenoj,kaj ties multobligado,enkuvertigo k. t.p. devas esti "nepermesate al publiko eniri."
La dua ĉambro estu la akceptejo de la informpetantoj ,disdonejo de la bultenoj,redaktejo por ĵurnalistoj ne apartenataj al la gazetara servo;kio estas esperantistaj aŭ naciaj aŭ eksterlandaj korespondantoj,kiuj bezonas informojn,ejon,skribmaŝinojn.
2/ Tiu "divido" de la ejoj devas "speguliĝi" en la divido de la laboro de la deĵorantoj. Redakto kaj multobligo de la bultenoj ne povas esti akurate faritaj de deĵorantoj kiuj devas,samtempe respondi al informpetoj,disdonado de antaŭtagaj aŭ samtagaj bultenoj ktp.
3/ La deĵorantoj devas esti,ĉu salajritaj,ĉu tute sindonemaj.Akcepto de bonvolemuloj ne taŭgas; oni ne plu trovas ilin,kiam bezonate. Ili devas esti plejparte loĝantoj de la kongresa urbo,pro du kaŭzoj. a) Rilatoj kun la landaj kaj naciaj gazetoj/kono de la specialaj kutimoj,pri horoj de publikigado ktp. b) Ili ne devas esti alloĝataj al ekskursoj,kiuj forigus ilin de la laboro.
4/ Telefono en la laboraj ĉambroj mem estas nepre necesa.La deĵorantoj ne povas kuri senĉese al malproksima aparato.
5/ Skribmaŝinoj devas esti multnombraj.La redakta servo bezonas tri almenaŭ: unu por naciaj skriboj,unu por esperantaj,unu por aliaj laboroj... Tiuj maŝinoj estas neniam liberaj kaj ni devas disponigi aliajn maŝinojn al ĵurnalistaj vizitantoj /korespondantoj /. ( Ni havis ok en Parizo,kaj,multfoje tiu nombro montriĝis nesufica.)
6/ Estas necese ke ĉiuj respondeculoj,sekretario de sekcioj aŭ fakoj,prelegantoj de Somera Universitato ktp ne forgesu la Gazetaran Servon,kaj devige informi ĝin ĉiutage pri siaj programoj kaj farit- ajoj. Afiŝetoj sur la anonca tabulo estas bonaj.komunikajoj al Gazetara Servo pli taŭgaj. Dum la Pariza kongreso la GAZETARA SERVO estis ignorata de la plimulto.
7/ La Gazetara Servo devas ricevi ĉiujn lokajn gazetojn,kaj se eble abonos el "Eltondaja Servo". Alie ĝi ne povas scii ĉu ĝia laboro trafis la celon,do ne povas ĝin modifi laŭnecese.

=== === ==== === === === === ==== === === === === === ==== === === ===

NOVAJ ADRESOJ:

JUGOSLAVIO: Redaktoro Pivko Vladimir,Ureništvo de "Kmeč glas, Komenskega ,LJUBLJ.NA

SVEDUJO: Radaktoro Fredrik Skog, Upplandsgat. 54 E. I ,STOCKHOLM

BRAZILIO: Ĵurnalisto J.Saulo Ramos,CRAVINHOS C.M. Estado de Sao Paulo.

KOREA -KOREO. NOVA DELEGITO: D:ro Burampaca Selando.Kujenom Gubernio PUSAN / pli frue en Seoul/ Ŭau telegramo